# POLA ESPERANTISTO

XXIX JARO | MAJO 1935 | 5 NUMERO

## ESPERANTYSTA POLSKI

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE
MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ

ELDONANTO / WYDAWCA: POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO

REDAKTANTOJ / REDAKTORZY: PROF. DR. ODO BUJWID — TAD. HODAKOWSKI

APERAS LA 1-an DE ĈIU MONATO. REDAKCIAN MATERIALON ONI PETAS SENDI ĜIS LA 20-a DE ĈIU MONATO.


# FRYDERYK CHOPIN (1810-1849).

En februaro nunjare pasis 125 jaroj depost naskiĝo de plej fama, pola muzika geniulo, konata kaj ludata sur la tuta mondo, Fryderyk Chopin. La okazo ŝajnas esti sufiĉe grava por prezenti al la atento ankaŭ de esp-istoj la silueton de la granda tonmajstro.

Malgraŭ sia france sonanta nomo li estis Polo, naskita proksime de Warszawa en Żelazowa Wola (distrikto Sochaczew) en la bieno de grafo Skarbek en la jaro 1810 kiel filo de varŝava instruisto kaj lia edzino, Justyna Krzyżanowska.

Gaja, simpatia, sprita, humorplena knabo estis „Fric", fiero kaj feliĉo de la familio, li montris tre frue grandan kapablon en ĉiuj lernobjektoj. Li estis instruata en varŝava liceo, kie la patro estis profesoro. En la pianludo instruis lin unue la Ĉeĥo, Wojciech Żywny kaj poste Józef Elsner, multe ŝatata kiel direktoro de operteatro kaj de Ĉefa Muziklernejo en Warszawa. Baldaŭ antaŭsentis intuicie Elsner en la instruato la genion kaj havis tiom da delikata kompreno, ke li ne provis altrudi al li la rigidajn formulojn de ludo kaj kompozicio. La atmosfero por la disvolviĝo de muzikema talento estis do tre favora kaj Chopin fininte la studojn en Warszawa faris plue la ekzercojn mem kaj pliperfektigadis sian propran manieron.

Tre frue li komencis komponi kaj unuapaŝe li obeis la postulojn eldiratajn de Elsner kaj Witkiewicz, celantajn krei la nacian muzikon. La polonezoj kaj mazurkoj respegulas la inspiroplenan transformadon de popola muziko en geniajn perlojn de neaŭdita ĝis tiam belsoneco.

Sur la nova vojo estis Chopin sendependa kaj akceptema por la influoj de fremdaj muzikistoj, kiel John Field kaj Johann Hummel.

Depost la jaro 1829 komenciĝas jam la publikaj koncertoj de Chopin en Vieno kaj en la jaro 1830 li forlasas Polujon — jam por ĉiam... en la antaŭtagoj de nacia insurekcio kontraŭ la rusa perforto kaj okupacio. La insurekcion li travivis en Parizo. Chopin deziris tamen ĉiam plie perfektiĝadi kaj ne atentante la flategajn admiresprimojn (ekz. de Robert Schumann: „Demetu ĉapelojn, sinjoroj! Jen geniulo!") laboris multe por akiri plej kontentigan esprimon de sia individueco.

En Parizo eniris Chopin tuj en la muzikistajn rondojn, en kiuj aperadis tiamaj ĉeffamuloj: Meyerbeer, Berlioz, Liszt, Mendelssohn, Kalkbrenner kaj multaj aliaj. Li estis ankaŭ aganta kiel instruanto, kaj tiu laboro donis al li multan kontenton.

La ludmaniero de Chopin posedis neesprimeblan ravon pro sia senpereco, vigleco kaj delikateco, ne permesantaj eĉ rimarki la teknikajn — celere ĉiam perfekte estratajn — malfacilajojn. Ĉiuj kritikistoj kaj muzikistoj adoris, admiris, lau-

degis lian ludmanieron kaj subigis tuj al la dolĉeco kaj sorĉa influo de eligataj de li tonoj. Lia muziko estis „ia vibrado, kiu en maniero tute nemateria influis la internan estajon de aŭskultanto tute ne tuŝante liajn sentorganojn" (Liszt).

Dum tiuj sukcesplenaj jaroj sentis tamen Chopin ian sopiron je sia hejmlando, por kiu li serĉis esprimon en la muziko: en mazurkoj, baladoj, nokturnoj, etudoj. Ili tamen estis la parolo de trankvilo, sed ne — feliĉo, por kio mankis fortegaj kortuŝoj, sortbatoj, kiuj tamen baldaŭ estis tuŝontaj lian koron.

La virinoj ludis ĝis tiam en lia vivo ne tro gravan rolon, kvankam ekzemple Marja Wodzińska kaj eĉ pli Konstancja Gładkowska elvokis en ĝi ioman sentimenton. Venis fine konata literaturistino, George Sand (Aurore Dudevant), kiu emociige, sed ankaŭ destrukcie influis la vivon de Chopin — kaj eble lian sanon-, kvankam ŝi estis apud tio sufiĉe forta stimulo en la jaroj de komuna interrilatiĝo por lia verkado.

Lia brustmalsano estis kaŭzo, ke li translokiĝis sur insulon Majorca en la jaro 1838 por kvar monatoj. Tie sub influo de la naturo, de ventfajfado, de dezertecaj pejzaĝoj Chopin akompanata de George Sand travivis la plej belan, feliĉigan kaj fruktoplenan epizodon de sia vivo, tie li komponas siajn preludojn, sonatojn, impromptuojn, lulfantazion (berceuse'on), barkarolon, respegulantajn mirdolĉan lirikecon kaj serenon, la pasion kaj plendon, la dramecon kaj tragedian bator kaj trankviliĝon.

Kiam lia sano pliboniĝis, revenis Chopin Parizon (kaj Nohant), kie li denove donis lecionojn, li suriris ankaŭ unu fojon la koncertan estradon en la salonego de Pleyel kaj pianludis antaŭ la gereĝoj kaj la kortega publiko. Post tiu koncerto la Gazette Muzicale parolis pri Chopin kiel pri „Arielo" de pianistoj. Sed tio estis jam la lasta sukceso en Parizo.

Pro la februara revolucio (1848) Chopin forlasis Parizon kaj forveturis Anglujon. Tie sekvis denove vico da koncertoj en Londono kaj en diversaj urboj en Skotlando. Sed la angla klimato ne estas favora por la brustmalsanuloj, kaj la sano de Chopin pli kaj pli kadukiĝis. En januaro 1849 revenis Chopin Parizon, sed tiuj lastaj 9 monatoj estis nur velkiĝo de la altenŝvebema floro. La ŝparaĵoj alportitaj el Anglujo elĉerpiĝadis, la lecionoj ne estis jam eblaj, la vivo pasadis nur inter la ĉambraj muroj kaj vizitoj de amikoj. Agrablan surprizon faris al Chopin s-ino Delfina Potocka per sia bela voĉo kantante en lia ĉambro antaŭ lia morto...

La 16 de oktobro 1849 lia animo forlasis la vaniĝantan korpon, la koro de granda, revelacia novvojulo ĉesis bati...

Ĝis la funebra soleno la ĉerko estis deponita en la katakomboj de la katedralo de sankta Magdaleno. Fine la 30-an de oktobro sennombra amaso da plej elegantaj altsferuloj okupis la katedralon. Je la 12-a horo oni enportis en la preĝejan pordegon la terajn restaĵojn en la ĉerko enkondukataj per korŝiraj tonoj de funebra marŝo de Chopin, la ĥoro kantis famegan „Requiem" de Mozart, elvokante senspiriĝan impreson kaj ĝisfundan kortuŝon. La ĉerkon oni enteriĝis en la tombejo Père Lachaise.

Kion signifas la nomo de Chopin en la muziko?

La muzikkritikistoj ne estas ankoraŭ konkordaj en la pritakso kaj prijuĝo de lia pozicio kaj signifo por plia disvolviĝo de komponarto en muziko kaj pri la influo je postaj muzikistoj. La estetiko de vera geniulo dispuŝas ja la aprobatajn kadrojn, kreas por sia bezono novan leĝaron, renversas la ĝistiaman kompreron pri beleco kaj valoro.

La analizo eĉ detalema de liaj verkoj, farata pere de la antaŭe uzataj metodoj ne povis kontentige penetri al la fonto de ili. Unu afero estas certa: ke ĉiuj muzikverkantoj admiris la novajn elementojn, enportatajn intuicie de Chopin, kiuj iĝis por ili bena fekundigo por nova sinesprimo per la parolo de tonoj. La nova psikologia metodo permesis pliproksimigi nin iom al la problemo de verkadprocedo de tiu geniulo kaj ekkoni la duoblan karakteron de lia signifo.

En la historia disvolviĝo de muziko enkondukis Chopin en la estrantan klasikan manieron vivigan spirblovon antaŭ ĉio per la uzo de novaj, neatendataj, refreŝigaj t. n. „modulaĵoj" kaj harmoniaj turnoj, de novaj kreipovaj kaj inspirigaj elementoj, per kiuj li multe antaŭeniĝis kompare kun sia epoko kaj pro tio influis nedubeble la postvenintajn geniulojn de XIX jc., ne esceptante la germanan Wagner, la rusan Skrjabin. Oni povas eĉ plien akompansekvi tiun influon ĝis la moderna t. n. „atona" muziko. La kristaloj de ĉieldolĉa harmonio de Chopin disŝutitaj tra ĉiuj liaj komponaĵoj mirigas, frapas nian atenton, subigas ĉies koron kaj elvokas neordinaran ĝuon kaj beatecon.

Por la pola nacio li estas preter tio ankoraŭ io pli: liaj komponaĵoj respegu-

las la karakteron kaj naturon de pola popolo, ili prikantas ĝian belecon, kiu estis por li inspiro; per tio li — kiel ankaŭ la romantikaj poetoj — levis la popolan kanton al la rango de inspirpova fonto kaj montris al aliaj la saman vojon, kiun estis sekvinta ekzemple la ĉeĥa Smetana. La sopiro je la patra lando estis por Chopin instigo, ke, estante ekster la patrujo, li verkadis kaj agadis por la patrujo.

Sur la muzika firmamento ekbrilis Chopin kiel blindiga meteoro kaj per sia postbrilo li lumigas la vojon por ĉiuj, kiuj volas ekkoni la plej altrangan el la artoj kaj servigi sian talenton al vera kaj pura BELO.

**Józef Orzech.**

## POR LA ADRESARO DE ZAWADA.

Antaŭ mi kuŝas la Adreslibro de Zawada, eldonita en 1931, la granda, dika libro, dokumento de ega laborado de ĝia aŭtoro kaj mi ree kaj ree pensas pri ĝi. Kio fariĝis de tiam? Kial ne aperas ankoraŭ la dua eldono, kvankam antaŭkonigas ĝin Zawada jam de multaj monatoj?

Pri la signifo de la verko de Zawada mi ne bezonas perdi multe da vortoj, mi opinias. Sufiĉas rememorigi, ke s e n la Adresaro de Zawada ĉia esperanta laboro fariĝas malfacila. Sed, ĝuste ĉar Zawada tamen ja reeldonas, mi ne volas preterlasi la okazon atentigi la esperantistaron pri io nepre grava kaj farenda en tiu ĉi afero.

Antaŭ ĉio, ni devas konsenti, kiel ni diris jam supre, ke la Adresaro estas afero havanta grandegan signifon por ĉiuj. Due, ni devas pensi pri tio, ke, ĉar la afero posedas ĝeneralan signifon, ni devas helpi al Zawada ne nur materiale, — kvankam ĝuste materiala helpo estas al li bezona eĉ pli ol ĉia alia! — sed ankaŭ morale, per tio ke ni devas interesiĝi en maniero tute oficiala, mi dirus, pri la verko: ni devas kompreni, ke kion eldonos Zawada, tion ni ne reeldonos en la plej proksima tempo, sekve, la verko de Zawada fariĝos, tiel, kiel ĝi fariĝis en 1931, preskaŭ-oficiala dokumento de la tuta esperantistaro pollanda.

La pollanda esperantistaro, konsciante tion, devas akceli kaj subteni, apogi kaj helpi la laborojn de Zawada en maniero kiel eble plej energia kaj intensa. La esperantaj grupoj kaj societoj devas arangi en la tempo kiel eble plej baldaŭa, eĉ tuj, se estas eble, specialajn plenajn kunvenojn de siaj membroj, kun la celo priparoli kaj plensubteni la eldonon de la nova Adresaro! La specialaj kunvenoj de la membroj en tuta Pollando, devas, kiel unuan punkton de la tagordo, meti: la Adresaro de Zawada kaj kolekto de kompleta nomaro de la esperantistoj organizitaj kaj neorganizitaj. Nur tiamaniere la nova Adresaro estos kompleta kaj fidinda.

Ankoraŭ kelkajn vortojn pri la lasta adjektivo: fidinda.

En la unuan eldonon de la Adresaro enŝteliĝis multe da eraroj kaj neĝustaĵoj. Tion Zawada absolute ne kulpas. Kulpas la esperantistaro mem, kiu misinformis Zawadan, sendante al li ekz. neplenbakitajn esperantistojn, aŭ false konigante iliajn profesiojn k. s.

Se la tuta esperantistaro pollanda alprenos la aferon kiel sian propran, helpos larĝe kaj mone kaj labore Zawadan en la realigo de la afero, nur tiam la nova Adresaro fariĝos vera, fidindega instrumento en la manoj de la esperantolaborantoj por la plej proksima tempo.

Mi devas atentigi, ke la cenra komitato de PED intencas prezenti al la pollanda esperanistaro por la plej proksimaj jaroj specialan du- aŭ tri-jaran laborplanon, similan al tiu, kiun alprenis niaj britaj samideanoj. En la realigado de la laborplano manko de Adresaro aŭ posedo de malĝusta Adresaro montriĝus baro netranspaŝebla.

**Dr. L. Dreher.**

## KELKAJ MALFORTAJOJ DE OCCIDENTAL.

(Resumo de artikolo de Prof. W. E. Collinson, el la Universitato de Liverpool, publikigita en **British Esperantist**, februaro 1935).

„Ju pli mi ekzamenas „Occidental" des pli absurdaj ŝajnas al mi ĝiaj fanfaronataj pretendoj. En la nomo de internacieco ĝi permesas aron da neregulajoj kaj anomalioj, kiuj igas ĝin tute netaŭga por la ne-lingvisto, aŭ eĉ la nelatineca lingvisto, kaj tamen samtempe ĝi enlasas t.n. „logike dervitaj" formojn, similajn al tiuj trovataj en aliaj arte konstruitaj lingvoj; ĉe kiuj lastaj, tamen, ili estas enkorpigitaj en bone elpensitan kaj logike defendeblan sistemon. Ĉe „Occidental" la nelingvisto estas konfuzegata de la multeco de naciaj komplikajoj, kaj

la lingvisto de la fakto, ke li ne scias kiam iu plena vorto internacia estas permesebla, kaj kiam ĝi ne estas permesebla".

Post la supra enkonduko, Prof. Collinson faras pri la malbonaĵoj de „Occidental" detalan kritikon, kiun ni resumas jene:

### FONOLOGIO.

(1) Konservado de la sonoj ö (aŭ **oe)** kaj **ü** (aŭ **y)**, reprezentataj respektive per la literoj **eu** kaj **y**, kaj malfacilaj por angloj.

(2) Ekzisto de finaj **d, g, b,** (ekz. **ad, flag, tub)**, kiujn germanlingvanoj emas devoĉigi, — kaj kiuj, necesigas, pro tio specialan atenton.

(3) Neekzisto de preciza kaj ĝenerale aplikebla sistemo de akcentado. Al la regulo, ke oni akcentu **la vokalon antaŭ la lasta konsonanto** de vorto, oni faras specialan escepton por la plurala finaĵo **-s**, la adverba finaĵo **-men**, kaj kvar sufiksoj (**-bil, -ie, -in**, kaj **-ul**). Krom tio, multaj vortoj kontraŭas la regulon pri akcentado kaj devas estis speciale signataj per akcentmarkoj.

### ORTOGRAFIO.

(1) Estas pluraj sonoj por kelkaj el la literoj. Precipe rimarkinda estas la jenaj literoj: **c**, kiu prononciĝas **ts** antaŭ **e, i,** kaj **k**, kaj kiel **k**, antaŭ **a, o,** kaj **u**; **g**, kiu prononciĝas kiel **ĵ** antaŭ **e, i,** kaj **y,** kaj kiel vera **g** antaŭ **a, o,** kaj **u**; **s**, kiu estas vera **s** je komenco de vorto, sed fariĝas **z** interne de vortoj; kaj la dulitero **ch,** kiu povas esti jen **ĉ**, jen **ŝ**, jen **ĥ**.

(2) Oni uzas duoblajn konsonantojn, ekzemple en la vortoj **carre, canne, foliettar, collision, rapport.** Tamen oni ankaŭ permesas, ĉe kelkaj tiaj vortoj, ellasi unu konsonanton kaj (ekz.) skribi simple **colision, raport!**

### GRAMATIKO.

(1) Estas en „Occidental" nedifina artikolo, kiu ne nur konfuzos parolantojn de (ekz.) slavaj lingvoj, sed evidente necesigos regulojn (ĝis nun ne anoncitaj!) por korekta sintaksa uzado.

(2) Estas apartaj radikoj por la nominativo kaj objektivo de personaj pronomoj.

(3) Estas diversaj finiĝoj por la infinitivo de la verboj (ekz., **amar, venír, presser)**, kaj por la nuntempa participo **(amant, venient, pressent).**

(4) La konjugacia sistemo ne estas bone elpensita, ĉar samaj formoj esprimas diversajn sencojn; ekz. **ama** estas kaj indikativo kaj subjunktivo. Plue, ĉar estas subjunktivo, oni povas demandi pri la kialo de la t. n. „optativo", ekz., **yo mey amar.**

### VORT-FORMADO.

(1) La uzado de kelkaj afiksoj estas tre nepreciza. Ekz., sufikso **-a,** povas indiki in-sekson, sed ne necese; **-ment, -age,** indikas ne nur konkretan agon, sed ankaŭ ties rezulton, aŭ la manieron ĝin atingi; kaj **-age** ankaŭ indikas la tempon kaj lokon de la ago. La abstraktaj ecoj indikitaj per la Esperanta sufikso **-ec** en (ekz.) **amikeco, humaneco, longeco** kaj **grandeco,** estas (ĉe ĉi tiuj ekzemploj) indikitaj per **-ie, -tá, -cre** kaj **-ess,** respektive. Eĉ estas diferencigo ĉe unusama radiko, ekz., **altess, altore, altitá,** do tute ne internacia sistemo.

(2) Kelkaj afiks-derivitaj vortoj multe similas plenajn internaciajn vortojn, sed la lernanto povas ofte konfuziĝi pri du gravaj punktoj tiurilate: (a) li ne scias, ĉu li rajtas uzi internacian formon kiel **development,** anstataŭ kiu „Occidental"-istoj ofte uzas **developation:** (b) li ne scias, ĝis kiu grado li pravas, aplikante unu aŭ alian el granda nombro de afiksoj, kies funkcioj estas aŭ tro sennprecizaj aŭ tro ampleksaj.

Resumis en Esperanto
**Bernard Long,**
**London.**

T. J. **WÓJCICKI.**

## LA MIGRANTO.

Lumigita per kaskado de opalo, la tagiĝo — printempa tago. Sur lazura mantelo de l' ĉielo estas nek unu flugetema nubeto. La majesta suno regas nedivideble, lumas brile kaj varmigas. Tra longa ombrigita aleo iris lacigita migranto kaj serĉis per melankoliaj okuloj ĉirkaŭaĵon: de unu flanko severa panoramo de ŝiritaj rokoj, poste bluaj siluetoj de montaj akraj pintoj, de alia flanko — malhela arbaro, plena de teruro kaj mistero, en vualo de disbonodoranta verdaĵo.

Iris la migranto... sub liaj piedoj knaris brue grajnoformaj defalaĵoj de glaro (? La Red.).... en branĉaro petolis murmuranta ludema venteto. Li iris plena de krepuska sopiremo... iris sencele... la fatala, furioza forto puŝadis lin antaŭen... en senfinecon... en eternecon... La malkvietaj uraganoj traplugis lian animon per senkompataj sortobatoj... Kaj malbo-

ne estis al tiu ĉi animo en la mondo, tre malbone... solece kaj malbone — li havis nek celon, nek vojon en la vivo. Lia antaŭa feliĉo pasis jam; la suno iris for en senfinan malproksimon; la ravema ĉarmo ŝp ucis kiel dispremita guto de hidrargo.

Iris la melankolia migranto sencele kaj lia vundita animo malespere vokis trankvilon kaj silenton. Kie li ilin trovos? Ĉu en brua kaj murmura bolejo de la mondo? Ĉu eble amo sunigos lian koron kaj lazurigos lian amimon? Ĉe maltrankvilo de senparolaj demandoj li volus hurli pri akompano kaj ploreti kompate... sed elspiradis silentajn ĝemojn el brusto plenigita per bedaŭro. Kaj li nur kuras senhalte en malproksimon, senfinecon kaj eternecon, pelita per fatala inerteca forto!

Kio treme disflamiĝis tie, inter verdaj branĉoj de arboj? La briligita per la suno la kruco sur pinto de kapelo en silenta interarbara ermitejo, disorumiĝas lume kaj brilas. Senscie li direktis paŝojn en ĉarman arbaran regionon, ne sciante mem, kiam li ektroviĝis en eta preĝejeto, ĉirkaŭita de suprencelantaj pinoj kaj larĝe etendiĝintaj piceoj. Ĉio estis tie malriĉa kaj simpla. Kaj el inter ermiteja mizero Reĝo-Kristo etendis Siajn bonkorajn manojn, streĉitajn sur iom nigra ligno de la kruco. Momento de senbrua silento. Kaj poste el la ĥorejo pendigita sub arkajo alfluis en internon de la preĝejeto, kvietaj kaj dolĉaj vortoj de humila preĝo...

„Ni petegas vin plej kompatema Sinjoro — plenon de sano por malsanuloj, trankvilecon de abisma maro — por maristoj, feliĉan kaj sendanĝeran vojon por vojaĝantoj; veran kaj konsciencan pentofaron — por pekuloj; neŝanceleblan persistadon ĉe bono por justuloj; eterne daŭran ripozon por mortintoj". — La migranto en pia atendo aŭskultis... „bonan vojon por vojfaranto" — tio estas por li... „por maristo" — ankaŭ por li... „por malsanuloj" — li estas tia... „por pekuloj" — ho ve!!

Li staris ankoraŭ momenton en silenta medito, kaj subite ekrigardis Dian vizaĝon de la Savinto elkliniĝantan el hela aŭreolo de la suno, li falis humile sur blankŝtonan plankon. Kaj ŝajnis, ke la animo forflugos el malaperema vualo de la korpo — kiel rapidflugila birdo. Tiel li vibris, tordiĝis dolore en ĝema ploro, petegante pri kompato...

Mallaŭtiĝis jam kantplenaj preĝoj en la ermitejo, kaj li ploris daŭre ankoraŭ je kora petego — fervore preĝante... Kion travivis retrovita lia animo en tiuj horoj??

— — — — — — — — — — — —

La printempan tagon brilantan per perlaj opaloj, inter oraj ekbriloj en torento de lumoj kaj ombroj, sub ametista veluro de ĉielo kaj varmiganta suno, iras la ĝojplena migranto en malproksimon... en eternecon,.... sed ne en senkonsciencon... En lia animo estas ĉiela senpreza silento!!!

**Esperantigis: Wł. Misiewicz (Radom)**

LEONO VIENANO.

# LINGVA ANGULO.

**Estu bonvena, Lingva Rondo en Tallinn!** Verkante mian „Lingvan Angulon" por la legantoj de „Pola Esperantisto" mi starigas al mi ofte la demandon, ĉu sufiĉe multnombra estas la legantaro, interesiĝanta pri similaj problemoj. La simpatia artikoleto, alsendita de Vi, anoj de Lingva Rondo en Tallinn, konvinkis min, ke ekzistas ne nur unuopaj legantoj, sed tutaj rondoj, kiuj komprenas la gravecon de lingvaj demandoj. Do, nia laboro ne estas vana! Jen la plej bela rekompenco por la esperanta verkisto!

Nun mi devas pritrakti la menciitajn de Vi esprimojn kaj opiniojn.

Koncerne la uzon de „ĉirkaŭ" mi priparolis ĝin ĉiuflanke en kelkaj numeroj de „Pola Esperantisto" kaj nenio estas aldoninda. Mi devas nur atentigi vin, ke la demando ne estas, ĉu post „ĉirkaŭ" nominativo estas korekta. Pri tio ne povas ekzisti ia ajn dubo. Temas nur pri tio, ĉu la akuzativo post „ĉirkaŭ" estas ankaŭ regula. En la Gramatiko de Paul Fruictier „kompletigita" de S. Grenkamp-Kornfeld pĝ. 66 ni legas:

„Vortoj finiĝantaj je „aŭ" estas samtempe adverboj kaj prepozicioj, kaj tial uzataj indiferente en ambaŭ okazoj. Tamen „kontraŭ, malgraŭ, kvazaŭ, anstataŭ, ĉirkaŭ" estas **pli ofte uzataj** prepozicie; ekz Mi havas ĉirkaŭ mil frankoj (aŭ: frankojn)".

Do, s-o S. Grenkamp-Kornfeld en siaj babilaĵoj en „Nia Gazeto" Nr. 5 titolitaj „Lingva Diskuto", kies malĝustecon mi jam pruvis en P.E., vidigante, ke li tute **ne orientiĝas** en la problemo, — forgesis, kion instruas, Gramatiko, surhavanta lian nomon, kiel „kunaŭtoran". (Duba aŭtoreco!).

Koncerne la esprimojn, cititajn de Vi

el mia Nevelbiblioteko, mi klarigas:

1) „multe da kotaĵoj" ne estas eraro. Eraro estus: „multe da kotoj", ĉar „koto" ne estas uzata en multnombro, sed „kotaĵo" ne samsignifas „koto", sed difinas: profundaĵo plena de koto. Do kiel oni diras: multe da profundaĵoj, fosaĵoj, tiel oni povas ankaŭ korekte diri: „multe da kotaĵoj" en multnombro.

La samo koncernas miaopinie: kalandrado de tolaĵoj.

2) „Kosmetiko" en la senco de substanco, ne arto estas ĝuste uzata en multnombro.

3) „drinki" signifas: multe trinki alkoholaĵojn pro inklino. Do, la substantivo, formita kun „-eco" ne „-emo" estas korekta, ĉar la emo enestas jam en la senco de la radiko mem.

4) „kavaliroj odorantaj pomadon" estas klasika esprimo. En Esperanto oni diras: La floro odoras kaj: Li odoras parfumon.

5) Estas direnda: Mi ne sukcesis okupi min. Matracoj kun ruĝaj strioj. Venuso (ne: Venero).

6) „Ni revenu hejmen per ŝipo" (anst. reveturu) ne estas eraro, ĉar esperante oni diras: iri ĉevale, ŝipe kaj la samo koncernas la verbon „veni" „reveni".

Aliaj esprimoj de Vi menciitaj estas ankaŭ korektaj, sed se vi havas iajn dubojn pri ili bv. mencii la paĝojn, sur kiuj ili troviĝas, kaj en kio konsistas, laŭ Vi, ilia malĝusteco, tiam mi klarigos al Vi plue. Pri ilia ĝusteco vi povas konvinkiĝi, traserĉante la verkojn de Zamenhof aŭ konsultante la Plenan Vortaron. (Ĉi tie mi trovas ĝusta komuniki al Vi mian opinion, ke nur la Komunlingva Parto estas plejparte fidinda. La Teknika Parto, farita de homo ne kompetenta en ĉiuj teknikaj fakoj estas arbitra kaj uzebla nur kun rezervoj).

Nune mi ektuŝu la plej gravan problemon, kiun Vi pritraktas en la fino de Via artikolo. Estas vere, ke Zamenhof mem ŝanĝis diversajn esprimojn konforme al la evoluo de la lingvo. La serioza studanto de la Zamenhofa Verkaro konas tiajn ŝanĝojn. Sed tio ne maldevigas nin imitadi lian stilon, kiu estas kaj estos por ni ĉiam la modelo de la vera esperanta stilo. En ĉiu lingvo servas la klasikaĵoj, kiel la plej brila modelo de korekta stilo, sed ĉu tio malhelpas la sanan evoluon de la lingvo? Certe ne. Tiom pli ni bezonas en Esperanto tian firman bazon, kiu estas, ĉe nia propra logiko, la plej fidinda gvidilo en la lingvaj problemoj. Malzorgi tian bazon egalas la subfosadon de la grundo el sub niaj piedoj. Se por ĉiuj naturaj lingvoj krom la klasikaj literaturaĵoj ekzistas parolanta popolo, estanta viva reprezentanto de l' koncerna lingvo, — en Esperanto ni ne havas ankoraŭ tian popolon. Do, enmemorigu al vi kaj ripetu tion ĉiutage: **La zamenhofa stilo estas la Biblio de la modela stilo esperanta.**

---



---

## *El „Krimeaj Sonetoj"*

*de Mickiewicz*

### *Vidaĵo de montoj el Stepoj Kozlovaj.*

Tiun ĉi tradukon dediĉas
al bela kaj bele deklamanta
samideanino fraŭlino Červinska
Tradukinto.

**PILGRIMO.**

Tie!.. ĉu glaci-maron Allah mur-starigis?
Ĉu el frostnubo fandis tronon por anĝeloj?
Ĉu, por ke ne trapaŝu orientaj steloj,
El ter-kvaron' Diinoj murojn suprenigis?

Ruĝbril' en supro, ho!.. Cargradon brul' enigis?
Ĉu nokte, kiam ĉion kovras griz-manteloj,
Por mondoj, kiuj vagas per natur-malheloj,
En ĉiel-mez' lanternon jen Allah' pendigis?

**MIRZA.**

Tie?.. Mi estis: sidas vintr' — el nesto ĝia
Trinkas mil torent -bekoj kaj gorĝoj riveraj...
Mi spiris — el buŝ' mia neĝ' flugis; nenia

Voj' tie; blinderaras agloj senesperaj;
Kie haltas nubeg', mi iris — en nub' ja,
Lulil', tondr' dormis.. Kie nur steloj misteraj
Staris super turbano mia — Ĉatyrdaĥ'...

**PILGRIMO**

. . . . . . Aĥ'!...

**Leo Belmont.**

**Klarigoj:** 1) Cargrado, alie Konstantinopolo. Poeto egaligas en metaforo fortan ruĝbrilon sur monta supro kun brulligo de ia tuta ĉefurbo turka. 2) Ĉatyrdaĥ' estas supera pinto en montoj taŭridaj de Krimeo (1564 metr. sup. maro).

ĉefmotoro de l' malordo; estis ligilo de l' konstrukcio, fariĝis nesto de malkonstruaj fortoj. Pollando de Jackoj ne povis ekzisti, ĝi ne eviteble iris en la tombon.

Montrante kuraĝe tiun „embrion de malsano", kiu putrigis la organismon de iama Polujo, la aŭtoro de „Sinjoro Tadeo" memkompreneble ne estas laŭdanto aŭ apologianto de l' malnoveco. Sed li ankaŭ nek estas senindulga akuzanto, nek fanatika satiristo. Ĉar li estas prikantanto de l' vivo, ne nur de tiu, kiu finiĝis, sed ankaŭ de tiu, kiu komencis disvolviĝadi sur la tombo — nova kaj forta. Kaj ĝuste ĉi motivo de l' kanto, la motivo de l' renaskiĝo, estas la plej esenca en la grandega eposa simfonio de „Sinjoro Tadeo". La tipo kaj simbolo de tiu ĉi renaskiĝo estas en plua daŭro la sama Jacek Soplica, kiu ŝanĝiĝis el malnova homo je bernardano-agento.

Pastro Vermo malfermas en la pola literaturo vicon de unuspecaj personoj lau la principa kompreno: de malpaculoj transformiĝintaj, grandara familio de Jeremoj aŭ Kmicicoj (herooj de romanoj de Sienkiewicz). Dum la tuta XIX jrc., ĝis Żeromski, baraktis la polaj romanverkistoj kontraŭ tipo de aŭdaca mem-sinjoro — ribelanto, kontraŭ malserena fantomo de Zborowski, kaj ĉefe en li, kiel en simbolo ili lokadis tiun maltrankviligan, minacan problemon pri subiĝo de kverelemo en la pola nacia karaktero.

Jacek Soplica, tiu ekstrema specimeno de la nobela senbrideco, bravulo, en kiu la hipertrofio de l' arbitro silentigis la nacian konsciencon, kiu sukcesis halti ne pli frue ol ĉe la abismo de perfido, tiu malpaculo super malpaculoj per multjara peno de pento, per plenumita ago de pentofaro pruvas, ke estas ebla la returniro de ĉe la abismo, ke farebla estas la rekonstruo de l' pola animo ek de l' fundo. De la senbrida arbitro ĝis la nacia heroeco la vojo estas fora kaj malproksima, tamen trairebla.

Ni pripensu ankoraŭ unu: tio devas meditigi, ke la poeto, signante la naciajn meritojn de pastro Vermo, tian akcenton metas sur lian modestecon, sennomecon. Jacek post la renaskiĝo estis griza plenumanto, agento, distingiĝis ne per



# Ĉerko kaj lulilo de Pollando en „Sinjoro Tadeo".

Centa datreveno de „Sinjoro Tadeo", epopeo de Adam Mickiewicz, forte reeĥis en Pollando kaj ekster ĝi. En Pollando oni solenis la datrevenon en preskaŭ ĉiu iom granda urbo, sub aŭspicio de Mickiewicz okazis la II internacia kongreso de slavaj filologoj en Varŝavo kaj Krakovo. En Francujo oni signis ĝin per solena aranĝo en salonoj de Collège de France. Aperis nova franca traduko de l' poemo, prepariĝas: itala, germana kaj rusa. Nuntempe ekzistas tradukoj de „Sinjoro Tadeo" en 23 lingvoj de Eŭropo kaj Azio, inter ili ankaŭ la belega esperanta traduko de Antoni Grabowski. Mallongdire, ni vidas, ke tiu ĉefa verko de l' pola literaturo staras daŭre en apogeo de l' gloro.

Tiu gloro bazas sin sur neskueblaj valoroj, same artaj kiel ideaj, egale validaj por pola kaj aliaj nacioj. Dum dekkelke da minutoj mi ne povas pretendi montri ĉiujn trezorojn de l' beleco, tutan profundan enhavon, kiun tenas en si la eposa domego de „Sinjoro Tadeo". Malfacile estus indiki dimensiojn nur de tiu domego. Estus la deziregata rezulto de l' nuna prelego, se grandparto ei vi bonvolus dediĉi iom da tempo por legi la poemon en la esperanta traduko kaj kun ĝia beleco ili kontaktiĝus senpere.

El vasta fako de problemoj, kiuj nin en Polujo vigle en „Sinjoro Tadeo" interesas, ni prezentos hodiaŭ unu, kiu montros, kiel proksime la poemo estas kunligita kun vivproblemoj de l' nacio, kaj samtempe en kiom vastaj, ĝenerale-homaraj horizontoj la poemo solvas ilin: sur tiu ekzemplo oni povos ekvidi kiomgrade ĝi estas nacia kaj kiomgrade supernacia. Temas pri tio, ĉu la poeto, adorante la iamon, montris en tiu verko sekreton de kontinueco de l' nacia vivo.

Ĉu „Sinjoro Tadeo" estas poemo pri homoj kaj tempoj pasintaj, nur ĉerko de iama malnovnobela Pollando, ĉu samtempe ankaŭ lulilo de Pollando nova, moderna? Ĉu krom la

malnoveco, sorĉe kaptita en mirindega formo de l' poezio, oni havas en ĝi nenion por la estonteco?

Ni akiros la respondon, respondante unue alian, pli gravan demandon: kiel Mickiewicz komprenis la kaŭzojn de l' falo de malnova Polujo, ĉu li serĉis ilin en la nacio, en ĝiaj propraj kulpoj, aŭ ekster la nacio, en superforto de l' invadintoj. Leganto de „Libroj de Pilgrimado" respondus senhezite tiun duan: tie ja estas klare dirite, ke la trio „komplotis la perfidon kaj torture mortigis la polan nacion" virtan kaj Di-kredan. Sed leganto de „Sinjoro Tadeo" scias, ke tiu koncepto estis traira; ĉar en la poemo oni parolas ne malpli klare pri „malboniĝo" de iama Polujo, pri kreskanta en ĝi „ĝermo de malsano" mortiga, fine pri „puno", kiun „Disinjoro ĵetis sur la popolon".

Se estis puno, devis esti ankaŭ kulpo, peko; se estis peko, tiam por liberiĝi de ĝi, por forigi la punon, la vojo kondukas per pento kaj pentofaro. Pri unu kaj la alia oni povas multe ellegi en „Sinjoro Tadeo". Ni povas ĉi tie tuŝi apenaŭ unu ĉeneron de tiu viva enhavo, sed ĝuste: mezan ĉeneron. Ni retrovas ĝin en persono de ĉefa heroo Jacek Soplica. Li donas al ni respondon, kion Mickiewicz konsideris la ĉefa malbono de iama Polujo kaj kie li asignis vojon de transformiĝo.

En bildo de Jacek, el lia juneco, la poeto ne preterlasis kelke da tipaj trajtoj, kiuj proksimigis lin al konataj en historio famaj specimenoj de malnovnobela kverelemo. Jacek bone komprenis, ke li vivas en la lando, kie por bravula senbrideco, de memvolo, ne ekzistas limoj. Por lia aŭdaco ne estis baroj, ja li skuis la tutan ĉirkaŭaĵon, li povus eĉ iukaze ĵeti sin kontraŭ la reĝo, kastelojn, kiel tiu de Horeŝkoj, li povus ĝisfunde ruinigi, li povus kunkrii siajn kompanianojn kaj komenci la hejman militon kiel kelkaj el magnatoj; en furiozo de senbrideco venis al li ideo elvoki militon kontraŭ alilando.

Jen ĝuste per fiero sen kredo, per memvolo sen bremso, per bravula senbrideco, por kiu nenio estas reĝo, leĝo, nenio civitanaj devoj, per sia sovaĝa aroganteco, Jacek estas tipo, reprezentanto de nobela naturo, kiu formiĝis en Polujo en XVII jc. Apud tiajn abismojn kondukis la senlima individualismo de l' pola nobelaro, elemento neniiganta ĉian ordon, ĉian socion. Se en la bildo de iama Polujo, prezentita en „Sinjoro Tadeo", ni demandas pri „embrio de malsano", pri interna koeficiento de neevitebla politika falo, jen ĉi tie ni trovas montritan en tuta pleno. Socia klimato, favoranta disvolviĝon de tiaj tipoj, estas mortiga por ia ajn ligilo de komuna ekzistado, al la organizita nacio ĝi portas en si anarkion kaj morton.

La degenero de civitana tipo, montrita en Jacek estas tiom pli malbonaŭgura, ke en okuloj de Mickiewicz ĝi estis c o r r u p t i o  o p t i m i. Ni ja scias, ke laŭ la aŭtoro de „Libroj de Pilgrimado" la ŝtata organismo de Polujo estis organismo morala, ĝi bazis ne sur deviĝo, ne sur ordono: en ĝi estis necesa „nenia polico, diversaj policanoj, ĝendarmoj, konstabloj", sufiĉa ligilo estis en la kunformantaj ĝin individuoj devkonscienco, oferemo, bonvola plenumado de iam akceptita devo. Do, kie ĉio baziĝis sur bona volo, tie blinda fieraĉo, sovaĝa memvolo memkompreneble estis faktoro de neevitebla, fatala pereo. Domeĝo de politika anĝeleco, kiun Mickiewicz vidis en malnova Polujo, detruita de fundamento, povis fariĝi nur rezidejo de sataneco, viktimo de satano de fiero. Tiu satana ungeĝo de fiero kaj malpacemo gratis en mondo de „Sinjoro Tadeo" ne nur unu Jackon; ĝi atingis Tabliston, en sian povon kaptis komplete Gerwazon. Jen el tiu semado elkreskos infera verko de venĝo: la posedopreno (zajazd).

Ni ripetu ankoraŭ foje Laŭ la opinio de la aŭtoro de „Sinjoro Tadeo" infektaĵoj de putro, malica tumoro de pereo atingis la medolon de iama Polujo. Tiu mortiga tumoro estas en okuloj de l' poeto la senbrida memvolo nobela, degenero de morala ligilo. ĝuste de tiu, kiu, fiksante la strukturon de iama Respubliko, donis al ĝia konstruaĵo apartan, inter ĉiuj eŭropaj ŝtatoj, nur al ĝi propran spiritan stilon. Kio iam estis unua koeficiento de l' ordo, degenerinte, fariĝis la



# UNIVERSALA KAJ INTERNACIA BRUSELA EKSPOZICIO 1935



# PLANO DE LA EKSPOZICIO

FREMDLANDAJ PARTOPRENOJ

A. Britujo.
Au. Aŭstrujo.
B. Brazilo (Kafo-Fako)
Bul. Bulgarujo.
C. Ĉilo.
D. Danujo.
E. Egiptujo.
F. Francujo.
FO. Ultramara Francujo.
FC. Marokaj Bazaroj.
Fin. Finnlando.
G. Greklando.
H. Nederlando.
Hon. Hungarujo.
I. Italujo kaj Romo.
I. Italaj kolektivaĵoj.
Let. Latvujo.
L. Luksemburgo.
N. Norvegujo.
P. Urbo Parizo.
Pal. Palestino.
Per. Persujo.
Pol. Polujo.
R. Rumanujo.
S. Svislando.
Su. Svedujo.
Tch. Ĉeĥoslovakujo.
Tun. Tunisio.
Tur. Turkujo.

~~~

1. Federacio de la belgaj Societoj por la bestprotektado.
5. Pavilono de la Terkulturado, Florkulturado kaj Modela Farmo.
10. Popoldomo, Koopera Societo.
14. Provinco Brabanto.
20. Kolektivaĵo de la Domkonstruado.
24. Pavilono de la Iloj kaj Generalaj Procedoj; de la Literaturo kaj Artoj.




25. Pavilono de la Gaso.
26. Pavilono de la Ledo.
27. Pavilono de la Ĥemio.
28. Pavilono de la Dekoraciarto kaj de la ĝenerala Komisarejo.
29. Pavilono de la Teksaĵoj, Vestoj, kaj Galanteriaĵoj.
30. Pavilono de la Aŭtomobilo.
31. Pavilono de la Belga Kongolando.
32. Pavilono de la Katolika Vivo.
35. Pavilono de la Nutrado.
40. Pavilono de la Elektro.
43. Pavilono de la urbo Bruselo.
47. Fajrobrigado.
48. Poŝtoj, Telegrafoj kaj Telefonoj.
55. Kapelo de la sekcio de Religia Arto.
56. Pavilono de la Akvo-Arbaroj.
59. Pavilono de la Moderna Arto.
61. Necesejoj.
62. Halo por okazaj Konkursoj.
68. Pakmaterialo — Malplenaj kestoj.
69. Pavilono de la sekcio Reklamo.
73. Koloniaj Entreprenoj.
83. Pavilono de la Belga Perioda Gazetaro.
91. Nacia Instituto de Radiofonio.
99. Pavilono de la Asocio de Dekoraciistoj, Modernaj Meblistoj.
102. Internacia Sekcio.
107. Marbordo kaj Okcidenta Flandrujo. — Fervojeto.

La numeroj ne indikitaj koncernas pavilonojn de izolaj ekspoziantoj aŭ koncesiuloj.
~~~

# BRUSELA EKSPOZICIO 1935

---

Post Antverpeno kaj Lieĝo en 1930, Bruselo 1935 estos la kronado de la Centa Datreveno de la Belga Sendependeco. La Ekspozicio estas sub la Alta Patroneco de Ŝia Majesto la Reĝino Elizabeto kaj de Iliaj Majestoj la Reĝo kaj la Reĝino, sub la Honora Prezidanteco de Lia Princa Moŝto Grafo de Flandrujo, kaj sub la oficiala Patronado de la Belga Ŝtato.

Ĝia belega programo enhavas ĉiujn produktaĵojn de la homa agemeco. Ĉiuj fakoj: Terkulturo, Industrio, Komerco, Arto, Scienco, Tekniko, en ĉiuj formoj, tie montros siajn lastajn perfektigojn. Kelkaj specialaj fakoj ĝuos apartan pliampleksigon : TRANSPORTOJ KAJ KOMUNIKVOJOJ; ELEKTRO KAJ RADIO-ELEKTRO; KOLONIIGADO. En 1935, Belgujo memorfestos la Centjaran Datrevenon de la unuaj fervojoj kaj la Kvindekjaron de la Sendependa Ŝtato Kongolando.

La belga sekcio estos brila. La fremdlandaj partoprenoj estos multaj kaj gravaj. Tridek landoj jam sendis sian oficialan aliĝon al Grafo Adrien van der Burch, ĝenerala Komisaro de la Belga Ŝtato.

La ekspozicio estos belega. Ĝi estas konstruata laŭ plano por la definiva urbigado de la kvartalo apud la Reĝa Parko de Laeken, sur unika pentrinda loko kaj sur tereno speciale favora, tiu de la montplataĵo de Heysel : 140 hektaroj da areo, arbara parko de 17 hektaroj. Malebenaĵoj en malkrutaj deklivoj. Lagetoj. Oni aliras al tiu loko laŭ larĝaj kaj oportunaj vojoj. Jam la konstruaĵoj estas starigitaj : La Grandaj Palacoj en definivaj materialoj, ne malproksime de la Sporta Stadio en kiu estas loko por 75.000 personoj. Tiuj grandaj Palacoj, iuj estas larĝaj je 87 metroj kaj la aliaj je 65 metroj. La Centra Halo estas alta je pli ol 31 metroj. Unu el tiuj Palacoj enhavos la fakon de la MALNOVA ARTO, kun ĝiaj fremdlandaj sekcioj, difinitaj por la plej rimarkindaj periodoj de arto en ĉiu lando, kaj KVIN JARCENTOJ DA BRUSELA ARTO (Roger Vander Weyden, Pierre Bruegel la maljuna, Bernard Van Orley, David Teniers juna, Philippe de Champaigne, Alfred kaj Joseph Stevens, Felicien Rops, Hyppolyte Boulanger, Jan Stobbaerts, Constantin Meunier, Henri de Braekeleer, k.t.p...) Tio estos unu el la ĉefaĵoj de la Ekspozicio, inter kiuj la «MALNOVA BRUSELO» estos la perlo, kun ĝiaj pitoreskaj elvokaĵoj el la urbo de la XVIIIa jarcento.

Belega dekoracio, mirinda iluminado, ĝardenoj plantitaj per la plej diversaj specoj da arboj kaj floroj maloftaj aŭ kampaj, abundego da fontanoj, akvospeguloj, akvoŝtuparoj. Ne antaŭe viditaj amuzaĵoj, festoj, muzikaj turniroj, teatro ekstera, kinematografo, la TSF — ĉiuj konkiroj de la moderna vivo en siaj intelektaj, sociaj, teknikaj aplikaĵoj — la formoj, la koloroj, la ritmoj; nova stilo. Tiaj estas la ĝeneralaj karakteroj de la Brusela Ekspozicio 1935.

La sukceso de la Ekspozicio estas de nun certigita. Ĝi markos daton en la klopodo de la popoloj al la Ekvilibro kaj al la Paco.

Impr. E. Guyot, s. a., Bruxelles. Presita en Belgujo.

aŭdaco de braveco, sed per servo silenta kaj la plej danĝera, ĝi ja minacis per „martireco sen gloro" en griza amaso da kondamnitoj, sur karcera „putra mato", ĉe puŝveturilo, sub bastonbatoj. Tamen de tia servo dependis — ĝi okazadis — la sorto de grandaj bataloj, kaj de gravaj, por malproksima celo prikalkulitaj, militplanoj. Tiu ĝuste jurita sennomeco de sinoferemo, tiu servo senglora, tiuj agoj „pri kiuj neniu memoros".. ili fariĝis al la koro de Vermo la plej agrablaj. Tie iris la vojo de lia kompenso; li tiel fiksis en si la novan rilaton al la nacia devo, modlis formon de l' pola psiko, diametre kontraŭa al la iama senbrida aŭdaco: li bazis la meriton ne sur libera ekspansio de individualeco, sed sur enjunĝiĝo al la obtuza, plej malfacila heroeco de ĉiutaga sindediĉo. Nur ĝi estas kapabla kontraŭstariĝi al la fizika perforto la spiritan perforton. En tio — kiel ni diris — pastro Vermo estas simbolo, signo de tiu vero, ke la ŝanĝiĝo, kiu fariĝis en animo de unu, povas fariĝi en animoj de miloj, do, la popolo, kiun tiu mortiga malsano klinis en la tombon, sur vojo de jen tia ĉi renaskiĝo povas restariĝi juna kaj forta.

Ĝi povas, sed ĉu ĝi restariĝas? Alivorte: ĉu la sorĉita je la poemo la vizio de Vermo via perfectionis, estas nur la ĉielarko de iluzio, elrevita dum la hejmsopirado de l' poeto, aŭ ĉu ĝi estas artista esprimo, elkondukita de li laŭ la evidenta konvinkiĝo, el la rimarkita aferstaro en la samtempa generacio. Ne estos malfacile pruvi, ke tiu dua. Oni devas nur rememori la Mickiewicz'an prijuĝon de l' elmigrintaro kaj liajn premisojn. Ni povas tion fari ja per kelkaj nur vortoj. Kun kia koncepto pri l' elmigrintaro li venis al Parizo apenaŭ kelke da monatoj antaŭ la ekverko de „Sinjoro Tadeo"? Jen li vidis antaŭ si kelke da miloj da ribelintoj, homojn maturajn, prudentajn, kiuj lasis sian teron kontraŭ ĉiuj kalkuloj de profito, memvolo kaj senzorga memsinjoreco, ili rezignis la familiojn, havajon, postenon, komforton, direktante sin nur per interna ordono de l' nacia devo. Ĉu ĝi ne estas klara pentofaro, kaj samtempe sufiĉa pruvo, ke jam venkita estas en la pola nacio la kancero de egoismo kaj malpacemo, ĉu ĝi ne estas la signo, ke la animo de l' nacio en jaroj de l' malfeliĉo transformiĝis en sia tutajo, ke ĝi

# AL POŜT-TELEGRAF-TELEFONISTOJ POLAJ.

Plej multe ni helpas por disvastiĝo de Esp. per tio, se ni klopodas ĝin stariĝi en servon de ĉiaspecaj profesiaj, fakaj kaj praktikaj taskoj. Ĝis nun on turnis al tiu demanda nemulte da atento. Oni ordinare okupas sin pri Esp. kiel nur amuzaĵo, uzante ĝin por babilado kun samlandaj samideanoj aŭ legante Esp. gazetojn kaj librojn ĝeneralajn kaj beletristikajn. La ĉefa tasko de Esp. tamen estas helpi homojn rilatantajn kun aliaj landoj en ĉiaj fakoj kaj praktikaj necesoj. Sed ŝajnas, ke oni ne sufiĉe klopodas por jungi Esp. al tia celo. Kiel poŝtisto, mi ĉi tie pritraktas ĉi aferon pri poŝt-telegraf-telefonistoj. Al mi ŝajnas, ke tiuj fakuloj en kelkaj landoj estas pri Esp. tre indiferentaj, inter ili ankaŭ en Pollando. Jen, ekzistas Esperanta p.t.t. gazeto „La Interligilo", sed kiel mi scias, antaŭ unu jaro ĝi estis sendata Polujon nur en 10 ekzempleroj, el kiuj eĉ ĉiuj ne estis abonataj. Mi kredas, ke nunjare ĉi afero sanĝiĝis. Tia nombro estas treege malgranda por tiom granda lando, se eĉ malgranda Estonio abonas almenaŭ 5 ekz. Ĉu do inter polaj samideanoj estas tiom malmultaj p.t.t.-istoj aŭ ili ial bojkotas sian Esp. fakan gazeton? Por porti Esp. en iun fakon, necesas unue zorgi pri tio, ke estiĝu kaj povu sian ekziston daŭrigi ĉi-lingvo faka literaturo, precipe gazeto. Sen ĝi ne estas ja eble interrilati kun samfakulojsamlingvuloj. Sed p.t.t.-istaj Esp-istoj ŝajne ne komprenas tiun veron, aŭ ili simple ne deziras subteni ĉi laboron. Via faka gazeto „La Interligilo" baraktas por sia ekzisto kaj vi ne abonas ĝin. Mi scias, ke por multaj estas ne facile ĝin aboni, tamen tio ne rilatas ĉiujn. Kiuj ne povas ĝin aboni sole, abonu 2—3 ope kune. Ankaŭ pligrandaj Esp. societoj devus laŭ eblo aboni la poŝlan gazeton. Per tio oni akcelas kaj subtenas Esp. ĉe fakaj aferoj, dum uzado de Esp. tie plifortigos kaj pli disvastigos ĝin ĝenerale. Fine oni penu atingi tion, ke ankaŭ naciaj fakaj organizaĵoj abonu siafakan Esp.-lingvan gazeton.

Gesamideanoj polaj, propagandu Esperanton ĉe p.t.t.-istoj, ke pli multaj el ili komprenu la signifon de Esp. por p.t.t.[1] kaj aliĝu al ĝi. Sed vi p.t.t.-istoj Esp-istoj klopodu por tio, ke Esp. povu havi servojn en via fako. Por tio abonu kaj kunlaboru al via faka gazeto „La Interligilo". Laŭeble aperigu en nacilin-

6

modliĝis laŭ la mezuro de pastro Vermo? Por la autoro de „Sinjoro Tadeo" estis ne dubeble, ke jes.

Ĉi-kaze li povis kun plena sento de interna honesteco saturi la poemon per suna atmosfero de optimismo. Li ja kantis ne nur plorigan r e q u i e m super la tombo de Pollando malnovnobela, sed ankaŭ kredoplenan kanton pri renaskiĝo de Pollando novtempa. Tiun kanton ni aŭdas hodiaŭ pli klare, ol iam ajn antaŭe. Ja ĝi faras al ni tiun poemon post 100 jaroj ĉiam la plej karega. **Prof Dr. Stanisław Pigoń.**

---

**Nia Gazeto,** tre lerte redaktata de s-ro S. Grenkamp kaj G. Avril kaj akiranta ĉiam pli multnobran legantaron, faris aparte agrablan surprizon por polaj esp-istoj, eldoninte specialan specialan „polan numeron". La tre interesan n-roń plenigas enkonduka artikolo de la Redakcio, en kiu ĝi prezentas al la publiko la verkintojn de la artikoloj. Sekvas intervjuo de S. Grenkamp kun pola ambasadoro en Parizo, dro Alfredo Chłapowski, — artikolon pri nia ŝtatprezidanto prof. Mościcki verkis J. Orzech, tiun pri Marŝalo Piłsudski — Z. Zawiszanka, — pri nia nacia epopeo „Sinjoro Tadeo" — skribis prof. dro St. Pigoń. Tri versajojn de Karpiński, Krasicki kaj Tuwim bonege tradukis St. Karolczyk. Pri Pollanda, lando de vintra sporto skribis tre interesan artikolon inĝ. Aleks. Bobkowski, vicministro de l' komunikado. „Tra la moderna pola romano" gvidas nin prof. T. Biliński. Estontecon de pola spirita kulturo priparolas prof. dro L. Christek. Belecon de l' pola popola muziko prezentas dir. B. Wallek-Walewski. Pri progresoj de la medicino parolas prof. O. Bujwid. — Sekvas fragmento el la bonege sukcesinta sur la krakova scenejo teatrajo „Robinzono Kruzoe" verkita de Tommy kaj Bilizanka. Alf. verkis artikolon: La fokuso de polaj esp-istoj. Pri la krakova trumpetsignalo el Sankt-Maria preĝejo rakontas dro J. Dobrzycki. La gazeton ornamas deko da belaj fotoj. — Por ebligi al ĉiuj polaj samideanoj posedon de tiu tre interesa kaj valora n-ro, la administracio de P.E. mendisioman kvanton da ili kaj elsendas ilin, ricevinte al sia konto P.K O. 406.660 sumon de 0.50 zł. Ni petas mendi la n-ron kiel eble plej multnombre por ricevi tiun bonegan propagandilon kaj interesan legaĵon.

gvaj fakaj gazetoj informojn pri- kaj per-Esperantajn. Kreu per Esp. interligon kun alilandaj samfakuloj kaj iliaj organizajoj k.t.p. Ĝenerale, pli da atento al p.t.t. kaj al ĉiaj fakoj kaj praktikaj servoj!

**J. Vahtker[1],** (Tallinn, Estonio), kunlaboranto de „La Interligilo".

---

[1]) Estus dezirinde en iu nacilingva gazeto faka aŭ ĝenerala aperigi artikolon el „Heroldo" nr. 29. 1934 pri ĝisnuna lingvo de Universala Poŝta Unio. **J. V.**

# ALVOKO.

Marista Ligo Esperantista, kiu celas disvastigon de Esperanto inter la maristoj kaj samprofesianoj, serĉas delegitojn por M.L.E. en la havenurboj, kie ni ankoraŭ ne estas reprezentataj.

La ĉefa tasko de la delegito estas; Viziti la diverslandajn ŝipojn kaj disdonadi propagandilojn inter la maristoj. La diverslandajn propagandilojn ni sendas al la delegitoj.

Propagandado inter la maristoj estas de tre grava signifo por la tuta esperanta movado. Ĝis nun ni, esperantistoj, ne sufiĉe atentis tion Post nur mallonga agadtempo M.L.E konstatas grandan sukceson en sia laboro. Sed ne sufiĉas, ke ni havas del. en unu aŭ alia havenurbo. Por ke ni efektive venku **estas necese,** ke ni estu reprezentataj en **ĉiu havenurbo,** granda aŭ malgranda.

Ĉiu vera esperantisto komprenu la gravan signifon de propagandado inter la maristoj. Ĉiu samideano, lerta aŭ mallerta povas helpi nin en nia laboro. Se vi ne havas tempon por la delegita laboro vi tamen povas helpi nin per aliĝo al M.L.E. La membrokotizojn ni uzas en la propaganda servo.

La kotizoj estas: Pasiva membro — 1 svisa franko = 1.30 svedaj kronoj.

Aktiva membro — 2 svisaj frankoj = 2.60 svedaj kronoj.

Subtenanta membro — 10 svisaj frankoj = 13.00 svedaj kronoj.

Sciigu al viaj samideanoj pri la enhavo de nia alvoko kaj instigu ilin aliĝi. Sendu jam hodiaŭ vian aliĝon al Marista Ligo Esperantista, Villa skogbacka, KVICKSUND, SVEDUJO. Sekr. Holger Ekblad.

**Poŝtĝirokonto sveda; 90 226.**

 **TEATRO KAJ FILMO** 

## *AMANTOJ SUR LA POLA FILMEKRANO.*

En la hodiaŭa artikolo mi intencas fari trarigardon, ni diru — malgrandan r e v u o n de polaj filmamantoj.

En la plej fruaj tempoj de pola filmo, unuan lokon okupadis dramartisto Jozefo Węgrzyn kaj Kazimiro Junosza-Stępowski.

Węgrzyn ankoraŭ antaŭ tri jaroj aperis kiel heroa amanto en filmo s.t. „Princino Łowicka". Nune li aliformiĝis sin je klare karakterizaj roloj, same kiel Junosza-Stępowski.

El inter polaj filmamantoj Igo S y m estas sola artisto, kiu akiris famon ankaŭ eksterlande.

Artisto tiu ludis jam en pli ol kvardek filmoj polaj kaj eksterlandaj. Malkovrinto de Sym estis — kiel mi jam menciis en unu el miaj artikoloj — reĝisoro B i e g a ń s k i. Sym ludis komence en kelkaj polaj filmoj, post kio kontraktas lin reĝ. Kolovrat al Vieno, kie Sym ludas en filmo s. t. „Knabino el Prater" kun Anny Ondra kaj Nita Naldi kiel liaj kunludantinoj. Poste sekvas tuta vico da filmoj en Vieno, Berlino kaj Parizo. Kunludantinoj de Sym estis tiutempe Liljan Harvey, Lil Dagover, Henny Porten, M Albani k. a

Post reveno al patrujo Sym kontraktis sin al revuo. En Polujo li turnis filmon „Palaco sur radetoj" kaj ĝis nun ĝi estas lasta lia kreaĵo; estis li kiel direktoro de la sekreta polico en „Spiono en masko", en kiu filmo li ludis kun H. Ordonówna kiel lia kunludantino. — Admirinde ĉielbluaj okuloj de Sym, lia rava rideto kaj lia eleganta eksteraĵo — influas je la simpatio, kun kiu turnas sin la filma publiko al li.

Sur la duan lokon mi starigus Mieĉislaon C y b u l s k i, kies blonda kapo kun senriproĉe ĉizitaj vizaĝtrajtoj kaj lazuraj okuloj treege plaĉas speciale al la virina rigardantaro. Li ludis en filmoj „Super la neĝo", „Sanganta oriento", „Magdaleno", „Animoj en la sklaveco". En la filmo s.t. „100 metroj da amo" Cybulski ludis rolon de sportulo. Nune li partoprenas ankaŭ la teatrajn dramprezentadojn.

Adam B r o d i s z debutis en la filmo „De l' tago al tago" sub la reĝisorado de Lejtes. Pere de la esprimopleneco de lia fotogenia vizaĝo kaj pere de lia bela staturo, li elŝoviĝas jam dekomence sur eminentan pozicion en pola kinematografio. Li ludas poste en filmo post filmo: „Beleco de l' vivo", „Vento de la maro", „Terura nokto", „Al Siberio", „Dekuloj el Paviak" ktp. Brodisz ludis ankaŭ en filmbildo „Sub vian defendon", en rolo de pola aviadisto, en kiu filmo li atingis grandegan sukceson.

Tipon de vira beleco en la speco de usona amanto Clarke Gabble, reprezentas Jerzy J u r Pichelski, kiu debutis en „Spiono en masko", kiel kunludanto de H. Ordonówna.

Jerzy Jur estas jam de kelkaj jaroj teatra aktoro, dekomence li laboris en poznana teatro kaj laste li loĝas kaj laboras en Warszawa.

Witoldo C o n t i, kies vera nomo estas Kozikowski, la unuan fojon aperis sur la ekrano en filmbildo „Janko Muzikanto". Filmo s. t. „Jaro 1914" estas lia dua filmo kaj poste ni vidis lin en filmo „Voĉo de l' dezerto" kun E. Bodo. Conti-Kozikowski posedas beleĝan voĉon kaj pro tio li nun instruiĝas je la opera kantisto.

Dobieslao D a m i ę c k i komencis sian filmkarieron en filmo „Historio de l' peko" kiel Łukasz sub reĝisorado de Ŝaro. La altvaloraj ecoj de Damięcki, nome: interesa vira beleco, belsona voĉo, klara dirmaniero kaj aktora esprimopleneco, destinas lin je la ĉefa pozicio en la vico de polaj filmamantoj. En la filmbildo „Verdikto" li ludis kun Jadzia Andrzejewska kaj Irena Eichlerówna. La scenarion skribis Maria Morozowicz - Szczepkowska. La filmon realigis Julio Gordon.

Jerzy M a r r, kies vera nomo estas Zawadzki, la unuan fojon ludis en „Voko de la maro", poste en „Sekreto de malnova familio", sub la reĝisorado de Chaberski, en „Policmaistro Tagiejev", „Sekreto de poŝtkesto", „Sub flago de l' amo", „Dezerto", „Ŝakto n-o 23", realigita de reĝ. Buczkowski. Lasta lia filmo ĝis nun estas „Ludilo" reĝisorita de Waszyński.

Vere eleganta teatra amanto, plena de ĉarmo estas Leono Łuszczewski, kiu ludis en tuta vico da roloj en filmo. La plej grava lia rolo estis tiu de Sinjoro Tadeo en filmo sub la sama titolo, kiun realigis reĝ. Ordyński.

Tadeo Wesołowski komencis sian teatran karieron en krakova „Bagatela";

li estas krakovano. De Kraków li translokas sin Varŝavon al la „Pola teatro, de kie li transiras poste al „Nacia teatro" je la posteno de la ĉefa komedia amanto. Wesołowski ludis en „Ulanoj, ulanoj" kiel leŭtenanto, en filmo s. t. „Moraleco de s-ino Dulska" „Peka amo" k. a. Lia agrabla gracio, humoro kaj altiranta junuleco, konkeras la film- kaj teatran rigardanton.

Specialan lokon en la hodiaŭa artikolo mi destinis por Eŭgeno B o d o, filmreĝisoro kaj aktoro en unu persono (ĝusta lia nomo estas Eŭgeno Juned). Antaŭ ol li komencis interesi sin pri filmo, li estis okupita sur la revua scenejo. B o d o estas diversflanka artisto, komencante de facilaj komikaj amantoj ĝis la figuroj kun d ama kaj karakteriza formoj. E. Bodo ludis jam en multaj filmoj (ĝis nun ĉirkaŭ dudek): „Ruĝa klaŭno", „Rivaloj", „Rideto de l' sorto", „Policmajstro Tagiejev", „Homo kun cielblua animo", „Naŭa kaj 25 minutoj", „Kulto de l' korpo", „Beleco de l' vivo", „Danĝera amo", „Vento de la maro", „Al Siberio", „Sennomaj heroj", (tiun lastan filmon li mem produktis) „Voĉo de l' dezerto" (ankaŭ de lia produkto) „Lia ekscelenco komizo", „Ludilo", „Kantisto de Varŝavo", „Ĉu Lucino estas knabino" ktp.

Nun mi finas la trarigardon de polaj filmamantoj, kiuj sur la polaj ekranoj rivalizas kun eksterlandaj filmamantoj kiel Gary Cooper, Filips Holmes, Nils Aster, Clive Brook kaj ne forgesebla ankoraŭ ĉiam rememorigata Rudolfo Valentino.

Ni deziras al niaj polaj artistoj povi rivalizi kun eksterlandaj iliaj kolegoj ankaŭ eksterlande.

**Irena Traumówna.**

**I. NIKITIN.**

## *Nesto de hirundo*

Kurante ŝaŭmas akvoflu',
En muelejo tondra bru';
La radoj krake turnas sin,
Ŝprucigas akvon kun obstin';
La ŝaŭmo staras kvazaŭ mont',
Similas ĝi al viva pont',
La planko tremas, bruas rad',
Greneroj falas sen haltad',
Faruno ili iĝas nun,
Aer' eĉ plena je farun'.

Jen kantistino-hirundet'
Ekloĝis sub tegment',
Konstruis neston en kviet',
Ekvivis en kontent'.

Ĝi kantas ĝis ne pelos for'
La mastro kun sever';
Ja kutimiĝi kun dolor'
Ĝi devas al mizer'.

En nokt' malluma dormas ĝi
Kun kapo sub flugil',
Ne ĝenas al la idili'
Ekstera maltrankvil'.

**El la rusa: Hilda Dresen.**

---



# *VII. POLLANDA KONGRESO DE ESPERANTO.*

En la lastaj tagoj de junio okazos en Kraków t. n. „Krakovaj Tagoj". Celante ebligi al polaj esperantistoj partoprenon en tiu ĉi festo, P.E.D. organizas en la tagoj 29. — 30. VI. 1935.

**VII. POLLANDAN KONGRESON DE ESPERANTO.**

**Adreso:** P.E.D., Kraków, ul. Lubicz 34.

**Kotizo:** zł 4.—, por familianoj studentoj zł 2.—, por senlaboruloj senpage. Konto P.K.O. Nr 411 404 (Delegacja Esperantystów w Polsce).

**Fervojrabato** estas ligita kun „Krakovaj Tagoj". Detaloj sekvos.

**Loĝejoj:** pro mul'nombra vizitado de Kraków en tiuj ĉi tagoj estas necesa frua mendo.

**Provizora programo.**

**Sabato 29. VI.** 9h. diservo
11h. malfermo.
**13h.** komuna tagmanĝo
15h. labora kunsido
vizitado de la urbo.
19—22h. partopreno en la „Tagoj de Kraków".

**Dimanĉo 30. VI** 8—10. vizitado de la urbo.
10h. Ĝenerala kunveno de P.E.D.
13h. komuna tagmanĝo.
15h. Ĝenerala kunveno de P.E.D.
17h. fermo de la kongreso.

**Organiza Komitato.**

Samtempe kun la Kongreso okazos en la tagoj de 29. — 30. VI .

**ĜENERALA KUNVENO DE P. E. D.** En ĝi rajtas partopreni la aliĝintaj grupoj per siaj rajtigitaj reprezentantoj. Ĉiu reprezentanto devas posedi skriban rajtigon, en kiu estu citita nombro de la membroj. Ni atentigas, ke laŭ art. 10 § 2 membroj, kiuj ne pagis la kotizon, ne rajtas voĉdoni.

**Tagordo:** 1. Raportoj, 2. Decido pri la enskribpago kaj kotizo. 3. Fikso de la sekvanta Ĝ. K., 4. Elektoj, 5. Demandoj kaj proponoj. Proponoj pri la tagordo devas esti sendilaj 2 monatojn antaŭ la Ĝ. K.

Art. 26. § 1. La Ĝ. K. estas decidopova, se la ĉeestantoj rajtigitaj al voĉdono reprezentas minimume 1/4 da ĉiuj voĉoj, per kiuj disponas ĉiuj membroj de P.E.D. kune.

§ 2. Se la Ĝ. K. ne okazus pro manko de la nombro necesa laŭ § 1. devas la Estraro en du sekvantaj semajnoj kunvoki denove la Ĝ. K., dum kiu la decidoj estas alprenataj sendepende de la nombro da reprezentitaj voĉoj. Al tiu ĉi nova Ĝ. K. ne validas difincj de art. 21 §§ 1 kaj 2 art. 25 § 3 alineo 1.

**Estraro de P. E. D.**

## NOVAJOJ EL ESPERANTUJO

**PRELEGON PRI POLLANDO** havos dum la 7-a Nederlanda Kongreso en Haarlem nia samideano s-ro Grenkamp. Patronadon akceptis Pola Ambasadoro, s-ro Dro Babiński, kiu promesis viziti la kongreson.

**ABSOLUTISMO.** Presita parolado de s-ano Lanti, farita dum la Kongreso de laboristaj esperantistoj en Antverpeno en 1934. — La broŝureto, tre interesa, montras, ke ĉie regas absolutismo, same en Italujo kaj Germanujo, kiel ankaŭ en Sovetunio.

**REGNO DE PENSOJ.** Periodaĵo, prezentanta „orajn pensojn" de diversaj geniuloj. Pagebla per... „bonaj agoj". Eldonejo: Esperanto, Mukaĉevo, ĈSR., Internat. ul. 42.

**JUGOSLOVENSKA POŜTA, TELEGRAF I TELEFON** aperas kun subtitolo en esperanto kaj dukolona rubriko „Esperanta Informservo".

**VERDA REVUO.** Sendependa aŭstria revuo, nova, tre interesa gazeto. Adreso: Wien VII, Hermanngasse 31/26.

**LA REVUO ORIENTA.** Kontraŭe al ĝisnuno, tre multe da esp. teksto, malmulte da japana. Enhavas originalaĵojn kaj tradukaĵojn el japana literaturo.

**INTERNACIA POLICA BULTENO,** tiu interesa fakĵurnalo, dank' al multaj kriminologiaj artikoloj fariĝas ankaŭ internacia punleĝa ĵurnalo. Ekzemple la sept.-okt. numero enhavas inter aliaj artikolon (fino) de fama profesoro Lenz el Graz pri graveco de kriminalbiologio, kaj de Dr. R. Várnbéry el Budapest pri Kriminologio. — Adreso: Internacia Polica Bulteno, 10, rue Engelhardt, Strasbourg - Meinau (Francujo).

**Internacia Kurso por fervojistoj kaj tramistoj.** Post la suksesplenaj internaciaj kursoj por poŝtistoj, okazintaj en 1933, kaj 1934, la Internacia Cseh - Instituto de Esperanto, en kunlaboro kun la Direkcio de la Nederlanda Fervojaro kaj kun fak-ligoj en Nederlando, organizas specialan kurson por la geoficistaro de fervojoj, tramoj kaj aliaj trafikiloj, kiu okazos en la Esperanto-Domo en Arnhem (Nederlando), dum la tagoj 2 — 12 majo 1935.

**Pluaj rezolucioj en Francujo por Esperanto.** La konsilantaroj de departementoj Ycune. Haute Garonne, kaj de urboj Auxerre, Buxy, Chalon sur Saône, Montceau les Minces, Nevers kaj Romans, voĉdonis lastatempe tre favorajn rezoluciojn por enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

**Propaganda dusemajno** okazis lastatempe en multaj urboj de Francujo, simile al tiu lastjare ĉe ni aranĝita. La „dusemajno" donis belajn rezultojn, ĝi plimembrigis lokajn rondojn, vekis interesiĝon de la gazetaro. La urbestraro de Bischeim nomis unu straton „Rue de L' Esperanto", kaj kelkaj Urbaj Konsilantaroj voĉdonis pri enkonduko de Esperanto en lernejojn. Grava socialista gazeto „Le populaire" malfermis esp. kurson en siaj kolonoj.

**Esp. kurso en Supera Aviada Lernejo** en Francujo estis gvidata de s-ano Archedeacon. Ministro de Aviado, s-ro generalo Denain skribis persone al s-ano Archedeacon dankleteron kun vortoj de aprobo koncerne al tiu kurso.

**Trijarplano de Sveda Esp.-Asocio.** La jarplanoj estas nun laŭmodaj. Tiu de S. E. A. celas atingi ĝis la Varŝava kongreso (1937): 300 kluboin, 5000 anojn, kaj 10.000 sv. kronojn. Dum tiu tempo oni plifortigos la propagandon, uzante i. a. esperantan tonfilmon „Morgaŭ ni komencos la vivon". — Ĉiujn detalojn

koncerne al tiu lasta skribas „Svenska Esp. Tidningen" en nekomprenebla por ni sveda lingvo. Eble la redakcio volus doni ilin ankaŭ en Esperanto, por ke ni povu uzi ilin kaj eventuale venigi la filmon al Polujo.

**Zamenhof — kaj Esperanto stratoj.** Konstante kreskas ilia nombro. Nun estas en la tuta mondo ĉirkaŭ 60.

**Magnus Hirschfeld kaj August Forel estas fervoraj esperantistoj.** „Franca Espisto" enhavas en decembra numero intervjuon kun fama seksuologiisto Dro Hirschfeld, kiu rakontis pri sia favoro al Esperanto. La seksuologiaj kongresoj raportas pri siaj kunvenoj en 4 lingvoj, germana, franca, angla kaj esperanto. Ankaŭ fama sciencisto August Forel estas fervora samideano.

**Je honoro de Belmont** estas dediĉita januara numero de „Literatura Mondo" krom tio dum la tuta jaro troviĝos en ĉiu n-ro artikoloj de B. Ankaŭ „Svenska Esp. Tidningen enhavas artikolon pri Belmont, skribitan de Halina Weinstein.

**„Svenska Esperanto Tidningen"** aperas nun en duoble pli granda formato. Laŭ aspekto kaj formato ĝi apartenas kune kun „Franca Esperantisto" al plej belaj naciaj esp.-gazetoj.

**Esperanto Asocio de Rosario** en Cordoba (Argentino) komencis eldoni hektografitan bultenon sub titolo „Esperanto".

**La Suno.** Jen nova japana, tuta esperantlingva gazeto kun pacifismaj tendencoj kaj „nenion alian celanta". „La Suno" celas unuavice konvinki, ke Japanoj estas la plej pacema nacio de la mondo. Redakcio: J. Ogasauara, Tojohara—ĉo, Uakajama—ŝi, Japanujo.

## 27-a Universala Kongreso de Esperanto en Roma 1935

### KOMUNIKO NR. 2.

Pro malmultnombro de ricevotaj pasportoj, unualoke povas peti pri ĝi aktivaj esperantistoj, anoj de grupoj, aliĝintaj al P.E.D.

Detalojn pri Kongreso legu en Komuniko No 1. (aprila No de P.E.).

Informojn pluajn donas Pollanda Esper.-Delegitaro, Kraków, Lubicz 34. Aldonu pmarkon por respondo.

**Ludwik Kutscher**
ekz.-ano de P.E.D.

  

## POLLANDA KRONIKO

  

**LWÓW.** Travojaĝis nian urbon S-ro Red. J. Ŝapiro, ĉefdelegito de U. E. A., el Białystok, S-ro Norbert Stöckel, V. D. de U.E.A. el Czortków. Ĝoje ni salutis S-ron Red. Oskar Berman, kiu daŭrigis sian vojaĝon al Palestino.

„Gazeta Poranna" mencias en la n-o de 10. IV. en ampleksa artikolo pri la Heroldo-kunlaborantino Frl. Minuŝka Mantel, kiu tradukis „Ĉasistprintempon en Pollando" de la fama sportisto de radioparolanto, Prof. Rudolf Wacek de Polskie Radjo, Lwów.

**Esperanto kaj la artista mondo.**

Ĉiam pli forte reeĥas Esperanto ankaŭ en la artista mondo de Pollando.

La fama Lvova pentristino, ĉarma Sinjorino **Irena Nowakowska - Acedańska,** dediĉis al la fervora U.E.A. Delegito en Żółkiew, S-ro **Red. E. Hay, Korespondanto de P.A.T.** t. n „ex libris", prezentantan alegorie lian pozicion kiel kunlaboranton de la potenca Pollanda Telegrafa Agentejo, heraldikon kaj grandan **Esperanto — stelon.**

Per nia nacia gazeto **„Pola Esperantisto"**, mi dankas al la tre estimata kaj famkonata pentristino, amika al nia movado! **M. Mantel.**

**MŁAWA.** Dank' al nia fervora samideano Roman Sakowicz, juĝeja konsilanto, malfermiĝis kurso por gejunuloj, espereble sukcesonta.

**RADOM.** La 3. XI. 1934. j. Kultura Rondo ĉe armilfabriko aranĝis Esperantan kurson por ĝiaj laboristoj. La kurson gvidis estrarano de Pola Esperantista Klubo en Radom s-ro Jan Felter rajtigita instruisto de pastro Cseh laŭ lia metodo. Partoprenis 20 personoj.

La supre citita kurso finiĝis la 3-an de III 1935 r. Personoj, kiuj finis la kurson tuj aliĝis al la Pola Esperantista Klubo en Radom, 3 personoj el ili aliĝis rekte al U.E.A. en Ĝenevo pere de sia instruisto.

**WILNO.** La esperanta laboro de Turista Esperantista Rondo ĉe Ż.T.K. estas vigla. Estas diversaj esp. **kursoj** (elementara, meza kaj supera) kaj funkcias konstanta esp. **Klubo.** En tiu ĉi monato vizitis nian klubon aktoro-s-ano **S. Lipowski,** kiu rakontis pri esper. movado en Litovujo.

Poste vizitis nin **s-ano W. Loritz** kaj Krainz kiu mondovojaĝas. Honore al la eksterlandaj gastoj nia esp. Klubo aranĝis t.n. „glason da teo" (alven's 60 gesa-

(ideanoj). En sia malferma parolo nia Prezidanto S. Szyk detale klarigis pri grandega signifo de Esperanto en eksterlanda turismo. Blovinstrumenta grupo, konsistrinta el niaj 3 s-anoj (Makowski, Szuster kaj Lewin) ludis „Esperon" kaj „Tagiĝon", kiujn ĉiuj kunkantis; Nia prezid. dro A. Gurviĉ prelegis pri mondvojaĝoj faritaj per kaj por Esperanto. Poste salutis la gaston s-ano M. London (Prezidanto de Vilna Akademia Esp. Rondo). La gasto rakontis pri travivaĵoj en sia vojaĝo. Tre impone pasis la esperanta flug-poŝto. S-ano poŝtisto Milewski portis blankverdan rubandon kun surskribo: „Poŝtisto".

S-ano Lorits prelegis en Vilna radiostacio pri Esperanto, mondvojaĝo, Polujo, Estonio k.t.p. La propagando en nia urbo pri esperanto estis grandega. Nun ni atendas pluajn sukcesojn en ĉi kampo, nome: disaŭdigon de la okazontaj esper. prelegoj en nia urbo kaj prelegojn, farotajn de nia Vilna radio-stacio. Bonvolu, gesamideanoj de Polujo, en la intereso de nia Komuna ago kaj venko sendi dankleterojn al Radio-stacio. S-ano Loritz vizitis diversajn Vilnajn redakciojn: „Cajt" „Tog" „Słowo" „Kurjer" kiuj poste multe pri li skribis.

**WARSZAWA.** En Varsovio estas fondita „Societo Turisma de Esperantistoj en Polujo" — „STEP", kies celo estas propagandi polan turismon eksterlande pere de Esperanto.

La 28. II. 35. okazis ĝenerala jarkunveno de l' Esperantista Rondo „Konkordo" en Varsovio. La kunvenon malfermis longjara prezidanto de „Konkordo", s-ro B. Weinthal. Prezidis s-ro E. Wiesenfeld, sekretariis f-ino P. Muszkatblat. En la novan estraron eniris: f-ino E. Hermelin, s-ro J. Lindenszat, f-ino P. Muszkatblat, f-ino M. Szenfeld, s-ro B. Weinthal kaj s-ro E. Wiesenfeld.

Dimanĉe, la 17. de marto, okazis en la ejo de Praga Esperantista Rondo, Warszawa, „Estona Vespero". La salono de la Klubo estis dekorita per estonaj naciaj flagetoj, per multaj ilustraĵoj kaj bildoj, montrantaj la belecon kaj kulturon de Estonio. La „Vespero" konsistis el du partoj: referato de s-ro Henryk Gielb s.t. „Estonio lando kaj popolo", kaj recitado de estonaj poeziaĵoj En la referato pri Estonio, s-ro Gielb bele kaj elĉerpige rakontis pri Estonio; la lando, popolo, ĝia historio, bataloj por lipereco kaj la nuna stato. Multan atenton dediĉis la preleganto al la agrarreformo de Estonio kaj ĝia signifo por la evoluo de la estona popolo. Parolante pri la karaktero de la Estonoj, s-ro Gielb rakontis interparolon kun prof. Kułakowski, kiu la unuan fojon konatiĝis kun Estonoj antaŭ la milito, en iu Kaŭkaza vilaĝo, fondita de estonaj elmigrintoj. Tiu vilaĝo estis tute izolita, neniu vojo kondukis al ĝi, ĉiuj okupiĝis pri agrikulturo, la tuta vilaĝo kondukis kvietan vivon, ne okazis interbatiĝoj kaj malpacoj, neniu pe do surhavis ŝlosilon... Ĝis kiam estis nomita nova guberniestro de tiu provinco, li konstruigis vojon al la vilaĝo, aperis impostoficistoj, komencis vizitadi la vilaĝon najbaroj de aliaj vilaĝoj, la vivo de la laboremaj vilaĝanoj fariĝis pli vigla kaj tiam devis aperi seruroj kaj ŝlosiloj ĉe la dompordoj... Ĉe la fino de la referato s-ro Gielb rakontis pri la estonaj somerripozejoj, precipe pri NARVA-JOESUU, kun ĝiaj modelaj aranĝoj, kie oni povas ĝui veran kaj agrablan ripozon dum la somero, kaj li alvokis la aŭskultantojn al vizito al la bela kaj kultura lando de l' Nordo — E S T O N I O.

En la dua parto de la „Vespero", s-ro Gielb recitadis esperantlingve, poeziaĵojn de la estona literaturo, kiel de F. R. Kreutzwald, Lydia Koidula, A. Hawa, J. Liiv. Marie Under kaj aliaj.

Tiu „vespe o" faris bonan servon por Estonio, propagandante ĝian popolon kaj kulturon inter la pola publiko. La pregon pri Estonio s-ro Gielb faris en Esperanto kaj li mem resumis ĝin pollingve. **Pragano.**

W związku z artykułem „Pod pręgierz", zamieszczonym w Nr. 1 „Języka Międzynarodowego" cofam wypowiedziane pod adresem p. Gielba wyrazy: „człowiek bez honoru" i za użycie tych wyrazów p. Gielba przepraszam. Jednocześnie oświadczam, że w artykule powyższym nie miałem zamiaru zniesławić p. Gielba, a treść tego artykułu polega jedynie na skrytykowaniu poglądów p. Gielba, w mojem subjektywnem przekoniu niesłusznych.

**(—) Józef Litauer**

Oświadczam niniejszem, że cofam zarzut podniesiony przeciw WPanu Mecenasowi Drowi Leopoldowi Dreherowi na Walnem Zebraniu w październiku 1934 roku, którego nieprawdziwość stwierdziłem i za wyrządzoną mu krzywdę moralną niniejszem najserdeczniej przepraszam, prosząc o cofnięcie oskarżenia do L. cz. VII. 2 kg. 1878/34. Mgr. Eugenjusz Lichtenstein mp.

Oświadczenie powyższe przyjmuję do wiadomości, wobec czego cofam akt oskarżenia. Dr. Leopold Dreher mp. Kraków, 11. kwietnia 1935 r.

**Ekzameno.** Unuan premion de ekzamenito post fino de kurso de Esperanto, gvidita de Dro Dreher, ricevis s-o Dr. med. Stanisław Kochmański. Ni gratulas!

## ESPERANTO EN POLAJ RADIOSTACIOJ.

La disaŭdigo, okazonta laŭ la programo, aperinta en la antaŭa n-ro de P.E. la 25-an de IV., okazis la 1-an de V. je la 23h.5m.—23h.15m.

Jen la programo de pluaj disaŭdigoj en majo.

**8. V. merkr.** Z Sobolta: Poloj en vico de Nobelpremiitoj.

**29. V. mekr.** Kapiszewski: Pri skolta ĵamboreo en Spała (Spaŭa).

**30. V. ĵaŭde.** T. Hodakowski: Interparoladoj kun auskultantoj en Esp.

La merkredaj prelegoj okazados de la **21h.30m.—21h.40m., la ĵaŭda — 23h.30m. —23h.45m.** Estas rimarkinde ke la ĵaŭda prelego eble ne okazos. Koncerne tiun aferon bv. aŭskulti la antaŭan disaŭdigon por ekscii la definitivan programon. La sendohoroj estas laŭ **MET.** Dissendos **Kraków** kaj **Warszawa,** eble ankaŭ aliaj stacioj. Gesamideanoj, ĉiam aŭskultu multnombre kaj danku al: **Polskie Radjo, Warszawa.**

## SKOLTA ALVOKO!

**La XIII-a Internacia Tendaro de Skolta Esperantista Ligo** okazos 11—24 julio 1935 en Pollando okaze de la Tutslava kaj Pola Nacia Jubilea Ĵamboreoj ĉe Spała (Spaŭa) — distrikto Varŝava — en somera rezidejo de la Prezidanto de la Pola Respubliko. Estas tre grave, ke partoprenu multaj skoltoj, kiuj scias esperanton, por montri al la skoltaro en la lando de naskiĝo de esperanto, ke la lingvo estas taŭga interfratigilo por la junularo. Aliĝu do tuj, senhezite des pli, ke multaj skoltaj asocioj (espereble ankaŭ vialanda) sendos grupon. Vi do tute facile povos veturi kun ili Pollandon. Enpagu do tendarkotizon antaŭviditan en via kontigento al vialanda Karavanestraro (Internacia Skolta Komisaro) menciante „por la esperanta-tendaro". Sen iuj ajn kromalpagoj aliĝu ĝis la 1-a de junio 1935 do ĝis fino de majo. Tamen aliĝu tuj kaj sendu al vialanda karavanestraro vian nomon, por ke ĝi povu al vi sialempe prepari vojaĝdokumentojn. Skribu tuj demandante precizajn informojn de vialanda Skolta Asocio aŭ de la Organiza Komitato en Pollando. Ni atentigas, ke vi ĝuos 18% pagon sur polaj fervojoj, do rabato estas 72%. Estas do tre alta rabato. Do nenio malhelpos vin viziti Pollandon. Ankaŭ sur alilandaj fervojoj via karavano ricevos altan rabaton. La tendarkotizo estas nur 40 sv. fr. por **plena** 15-taga kompleta vivtendarado, veturado en Pollando krom aliaj monalpagoj. Ĉiu partoprenonto kaj interesito ricevas senpage aperantajn bultenojn, afiŝojn, gvidlibron, prospektojn kaj aliajn eldonaĵojn de ĉiam servoprela **Organiza Komitato de la XIII-a S.E.L. Tendaro, Pollando, Kraków, Lelewela 9. m 2.**

---



PRENUMERATA: rocznie zł. 8.—, półrocznie zł. 4.— Dla Towarzystw i grup esper. rocznie zł. 6.— Zagranicą: 5 fr. szw. Numer pojedynczy zł. 0.70. podwójny zł. 1.40.
OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł. 30.— 1/4 strony zł. 15.— 1/8 strony zł. 10.— Korespondencja: małe ogłosz. z 10 słów (prócz adresu) zł. 1.—

ABONO: jare zł. 8.—, duonjare zł. 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł. 6. — Eksterlande 5 sv. fr. Aparta numero zł. 0.70 duobla zł. 1.40.
ANONCOJ 1/2 paĝo zł. 30.— 1/4 paĝo zł. 15.— 1/8 paĝo zł. 10.— Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł. 1.—

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKOW, LUBICZ 34. KONTO P. K. O. NR. 406.060

Drukarnia L. Gronusia i Ski. Kraków, ul. Stolarska 5. Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss.